# ilera bulteno n-ro 71

**Redaktis: PY3DF - Majo 2008**

**Internacia Ligo de Esperantistaj RAdioamatoroj**

HISTORIE

# *La Genezo de ILERA*

## *En la komenco grupeto kreis asocion. Kaj ĝi estu!*

**Lenio Marobin,PY3DF**

**Enkonduko [*]**

Esperanto kaj radiotelekomuniko disvastiĝis en la mondo paralele, preskaŭ en la sama tempo. Radioamatoraj agadoj akompanis la oficialajn evoluigojn de radiodissendoj.

Unuafoje renkontiĝis la du agadareoj de la homaro en 1925, kiam radioamatoroj oficiale decidis pri la uzo de esperanto dum la unua IARU-konferenco en Parizo. Ili malfruiĝis, kaj la akceptata lingvo estis en la praktiko la angla. Sed en la sama jaro fondiĝis en la franca ĉefurbo organizaĵo: *Internacia Radio-Asocio*. Entuziasmaj membroj de la grupo publikigis esperantlingve teknikajn kaj radioamatorajn artikolojn en *Internacia Radio Revuo*. Bedaŭrinde, post kelkaj jaroj la agado ĉesis.[1]

La sekva apero de esperantista organizaĵo en la radioamatora movado okazis en Japanio: la 21-an de oktobro 1960 fondiĝis la klubo JA1YAR, en kiu kelkdeko da aktivulojoj laboris. Ili eldonis la revuon *EKARO* (1963) kaj funkciigis – eble la unuan en la mondo – radiorondon en la pacifika areo, kies gvidanto estis Bunnie (*Buno*) Chambers, KH6GT. La grupo aperigis la bultenon *OSCILILO* de 1970.

De 1963 ĝis 1968 Edward Lindberg, W2CIL, eldonis la bultenon *Esperanto-Radio*, nun jam por la tuta mondo. La eldonaĵo informis ĉiujn radioamatorojn, kiuj interesiĝis pri la internacia lingvo. De 1968 ĝis 1973 aperis *Esperantista Radioamatora Bulteno* farita de Nid Dutra D'Amorim, PY6JZ.

**Fondiĝo de ILERA[2]**

Dum la 55a Universala Kongreso de Esperanto en Vieno (1970) dek kvar radioamatoroj el sep



Rudi Bartosch, OE3RU

landoj unuanime apoginte la ideon de Rudi Bartosch, OE3RU, fondis *ILERA – Internacia Ligo de Esperantistaj Radioamatoroj.* Tuj ili akceptis la statuton.

*(daŭras sur la paĝo 02)* ➲

## ESTRARO

**Prezidanto:** Wolf Krüger,DL1CC
Postfach 7223
15872 Eisenhüttenstadt, GERMANIO
Telefono: +49 3364 412946
E-poŝto: dl1cc.wolf@gmail.com

**Vicprezidanto:** Hans Welling,DJ4PG
zum Ortenbrink, 42
49205 Hasbergen, GERMANIO
Telefono: +49 5405 699 33
Telefakso: +49 5405 699 31
PR: DJ4PG@DBØSM.#nds.deu.eu
E-poŝto: dj4pg@t-online.de

**Sekretario:** Lenio Marobin,PY3DF/GØOOS
60 Tudor Court
King Henry's Walk
London, N1 4NU, BRITIO
Telefono: +44 20 7249 4737
E-poŝto: marobin@marobin.net

**Kasisto:** Ian Mac Dowall,G-SWL
40 Danehurst Road
Wallasey, CH45 3JJ, BRITIO
Telefono: +44 151 6386802
E-poŝto: ILeraianGswL@aol.com
**Konto ĉe UEA:** iler-r

**Sekretario pri Interreto:** David Harris,N6UOW
42326 Gatewood Street
Fremont, CA 94538-4126, USONO
E-Poŝto: zonker@esperanto.org

**Hejmpaĝo de ILERA-bultenoj:**
http://ilerabulteno.googlepages.com/ilera-bultenoj

**Hejmapaĝo de ILERA:**
http://esperanto.org/internacia/ILERA/

**Yahoo-grupo:**
http://groups.yahoo.com/group/esperanto_amatoroj/

## SEKRETARIE

**Ŝanĝoj**

IL-318 EX8DX (Nun N3GD), Leonid A. Turkadze, 7500 Osceola Polk Line Road, Davenport, FL 33896, USONO n3gd@br.ru En la papera versio la voksigno aperis erara.

**Forpasis**

IL-388 G4XGS, Frank Morgan (+2001), laŭ informo de la vidvino s-ino Barbara Morgan en letero de la 26a februaro 2008 al la LR en Britio.

IL-019 ZL1LP, Ewen Parsons (*1925 +09.X.2003), laŭ Gwenda Sutton en 11.I.2008)

IL-300 HA7PW, Laszlo Matusinka (14.III.2008).

**Korekto**

En la papera versio de bulteno 70 la konto de ILERA en la kolofono aperis erara. Ĝi devas esti *iler-r*.

---

➲ *(daŭrigo de la kovrilpaĝo)* La unua estraro estis: *Fondinto:* Rudi Bartosch, OE3RU; *Prezidanto:* Edward Lindberg, W2CIL; *Vicprezidanto:* Anton Huemer, OE5HML; *Sekretario:* Ken Sly, G4MR; *Kasisto(j):* G4MR, W2CIL; *Bultenisto:* W2CIL.




Ken Sly, G4MR, en la jaro 1968

**Kongresaj Stacioj dum la jaroj**

| JARO | URBO | VOKSIGNO |
|---|---|---|
| 1969 | Helsinki | OH2ESP |
| 1970 | Vieno | OE1XEW |
| 1971 | Londono | GB3ESP |
| 1972 | Portland | WI7UKE |
| 1973 | Beogrado | |
| 1974 | Hamburgo | DKØEW |
| 1975 | Kopenhago | |
| 1976 | Ateno | |
| 1977 | Rejkjaviko | |
| 1978 | Varna | LZ2KKK |
| 1979 | Lucerno | |
| 1980 | Stokholmo | SKØXAE |
| 1981 | Brazilio | PT2CA |
| 1982 | Antverpeno | ON8YX |
| 1983 | Budapeŝto | HA5HEA |
| 1984 | Vankuvero | |
| 1985 | Aŭgsburgo | DKØEKA |
| 1986 | Pekino | |
| 1987 | Varsovio | SPØUEA |
| 1988 | Roterdamo | DJ4PG/PA, PA3DFZ |
| 1989 | Brajtono | GBØUKE |
| 1990 | Havano | T42UK |
| 1991 | Bergeno | LA1ESP |
| 1992 | Vieno | OE1XEW |
| 1993 | Valencio | ED5SPE |
| 1994 | Seulo | 6K94UK |
| 1995 | Tampere | OH3E |
| 1996 | Prago | OL5ESP |
| 1997 | Adelajdo | |
| 1998 | Montpeliero | TM8E |
| 1999 | Berlino | DFØESP |

➲

➲ (daŭrigo)

| | | |
|---|---|---|
| 2000 | Tel-Avivo | 4X85EUK, 4X85E |
| 2001 | Zagrebo | 9AØE |
| 2002 | Fortalezo | PV2UKE |
| 2003 | Gotenburgo | 8S6UEA |
| 2004 | Pekino | |
| 2005 | Vilno | LY9ØE |
| 2006 | Florenco | |
| 2007 | Jokohamo | 8J1ESP |
| 2008 | Roterdamo | |

El la trijara agado rezultis la atingo de cent aniĝoj de radioamatoroj. En 1974 la vicprezidantajn taskokojn entreprenis Nakazima Kyohei (Naĉo), JR1ISG. Ekde 1969 oni komencis funkciigi kongresajn staciojn dum la Universalaj Kongresojn de Esperanto.

Trijara stagna periodo sekvis. Tamen en 1977 Hans Welling, DJ4PG, ekorganizis en novembro *Esperanto-konkurson*, kiu ekde tiam daŭre okazas.

Por solvi internajn problemojn la estraro decidis en Varna (1978) funkciigi laborgrupon: Ken Sly, G4MR; Franta Hazprunár, OK1AFZ; Harry Sörensen, OZ6HS; Hans Welling, DJ4PG; Naĉo, JR1ISG; Rami Ŝlain, 4Z4LX; Lionel, F6EBE; Genadij Jaskov, UW9YE; ON8XZ; Ed Lindberg, W2CIL; VE3BRS; Renata Chassard, F5RC; OZ2HS kaj DL-SWL. La decidoj de ĉi tiu laborgrupo estis favoraj, kaj kvarjara prospero venis en la vivon de ILERA, kun la aliĝo de nova cento da radioamatoroj.

En 1980 Ken Sly, G4MR, estis elektita kiel *ĝenerala sekretario* kaj *prezidanto*. Post trijara laboro G4MR kaj OK1AFZ rezignis pri la postenoj pro la malbonaj financaj statoj de la organizaĵo.

La bulteno, kiun redaktis diversaj membroj en diversaj lokoj depost 1978 malofte aperis. En 1986 akceptis la titolon de *prezidanto* Naĉo, JR1ISG, sed rezignis post unu jaro.

En la centjariĝa Universala Kongreso de Esperanto (Varsovio, 1987), la ĉeestantaro elektis novan estraron: *Prezidanto*: Genadij Jaskov, UW9YE; *Vicprezidanto*: Hans Welling, DJ4PG; *Sekretario*: Laszlo (Laci) Matusinka, HA7PW.

Tiu periodo de julio 1987 ĝis majo 1993 alportis novan viglecon al ILERA, dank' al ĝia nova estraro, precipe Laci, HA7PW. Post kvinjara ĉeso la aniĝoj rekomenciĝis kaj estis konfirmitaj per membrokarto, kaj la kotizoj denove alvenis. Oni kreis ankaŭ insignon de la Ligo (ĝi aperas sur la kovrilpaĝo de la bulteno). Laci, HA7PW, eldonis dudek bultenojn. La ekzisto de la bulteno estas grava ne nur ĉar ĝi raportas la aktivecon de la membroj kaj, sekve, la historion de ILERA, sed ankaŭ ĝi servas kiel ligilo inter la membroj. Plurfoje oni eldonis oficialan membroliston. Laŭ peto de pluraj membroj oni organizis duan konkurson nomitan *"printempa konkurso"* en 1991, kies respondeculo estis Aleksej, UAØAAA (nun RVØAU, IL-465). Tiu konkurso okazis nur dufoje.

En Vieno dum la Universala Kongreso de Esperanto (1992), ĉe la fino de kvinjara periodo, la anaro reelektis la ĝistiaman estraron nun plivastigitan per nova *vicprezidanto*: DL6UDX (Poste DL1CC). Samtempe oni akceptis novan statuton. La laboron helpis 27 estraranoj tiel nomataj *landaj reprezentantoj* (LR).

En 1993 post sesjara laboro, Laci, HA7PW, kaj Genadij, RW9YE, rezignis. Post tiam la asocio restis du jarojn kun estraro reduktita al du vicprezidantoj. De 1994 ĝis 1997 nur kvin bultenoj aperis. Eldonis ilin pluraj LR, Laŭvice DJ4PG, DL6UDX, F9ED, SM5DAD, PT2CA.

En Tempere (1995) estis elektita nova estraro: *Prezidanto*: Wolf Krüger, DL1CC (eks-DL6UDX); *Vicprezidanto*: Hans Welling, DJ4PG; *Sekretario*: Kaj Stridell, SM5DAD; *Kasisto*: Jean-Jacques Noël, F6ILR.

En Prago (1996), David Harris (Daĉo), N6UOW, transprenis la postenon de sekretario. Li starigis la paĝon de ILERA en interreto.

En Montpellier (1998), Lenio Marobin, PY3DF, fariĝis sekretario kaj Daĉo, N6UOW, fariĝis sekretario pri interreto, kaj Jean-Jacques, F6ILR, entreprenis la eldonadon de la bulteno pli regule ĝis lia forpaso.

Post Gotenburgo (2003) la estraro de ILERA estis la sama, ol ĝi troviĝas hodiaŭ, kun la aldono de la *kasisto* Ian Mac Dowall, G-SWL.

---

[*] Ĉi tiu artikolo estas kompilaĵo de pluraj disaj dokumentoj (precipe korespondaĵoj de Henriko, F9ED) trovitaj en mia arkivo, laŭŝajne neniam antaŭe publikigitaj en la bulteno.

[1] Certe inter 1925 kaj 1960 estis alia aktiva grupo de esperantistaj radioamatoroj. Sur la QSL-karto de B. Aruda, PY2KC, kiu troviĝas en mia arkivo, vidiĝas QSO farata la 3an de aŭgusto 1937 inter PY2KC kaj PY2LA.



QSL-karto de PY2KC al PY2LA en 1937

Ekde 1946 en Brazilo funkciis dum kelkaj jaroj en San-Paŭlo *Círculo dos Radioamadores Esperantistas*, laŭ informo de Luís Fosca, PY2ABF, iama PY2AGI, al letero al Henriko, F9ED, en la 10a de septembro 1964: *"Mi profitas la okazon por informi vin, ke la adreso de nia Klubo de Esperantistaj Radio-amatoroj estas: Ave. Jabaquara, 1311, 2 andar, ZP8, São Paulo – Brazilo. Bonvolu skribu nin* (sic) *kaj disvastigu nian agadon. Ni ekzistas ekde 1946..."*.

[2] Notu ke, jam en 1958 Stefan Szabo, OE5SZ, jam provis organizi ligon. En letero de la 24a de aŭgusto 1961 (en mia arkivo), David Richardson, W7LLV, skribis al Henriko, F9ED: *"De ioma tempo mi havis la intencon provi starigi organizaĵon (eĉ se tute neformalan) de esperantistoj radioamatoroj. [...]"*. Finfine, en 1970 ĉiuj antaŭaj klopodoj materialiĝis kaj ILERA estis fondita.

KONGRESE

# *5-a Azia Kongreso de Esperanto*

**Lion Ajoy,VU2JHM (Elangligis: PY3DF)**




La speciala voksigno AT8ESP estis asignita al grupo da amatoroj dum la 5-a Azia Kongreso de Esperanto en Bangaloro, Barato (Hindio) inter la 11a kaj 15a de februaro 2008. La stacio funkciis ene de la NIMHANS-kongresejo.




Grupo de 12 operatoroj ricevis permeson por elsendi per la speciala voksigno, inter aliaj VU2UR, VU2QNY, VU2LX, VU2GOP, VU2GUR, VU2GZ, VU2JHM, VU2QNY. Specialan dankon iras al VU2ZUB kaj VU3KCA por la ebleco ligi la specialan stacion al ECHOLINK kaj ankaŭ al VHF-ripetiloj kaj HF, precipe sur 40m. Specialan dankon iras al Harirao,VU2GZ kaj Ramaswamy,VU2BRK, kiu ebligis la starigon de la kongresa stacio. Sur la taglibron ni registris 650 kontaktojn al 54 malsamaj landoj. Ni speciale volas danki ankaŭ al Hans,DJ4PG, vicprezidanto de ILERA, kiu ĝentile kontaktis nin pere de ECHOLINK, kaj samtempe parolis pri/kaj en esperanto al la aŭskultantaro.

Al tiuj, kiuj kontaktis la kongresan stacion kaj volas rekte ricevi la QSL-karton povas sendi la peton al la sekva adreso, aldonante 2 IRC (Internaciaj Respond-Kuponoj) al: Lion Ajoy, VU2JHM, # 9/1, Kshitija, Opp Geetanjali, 5-Cross, Malleswaram, Bangalore – 560003, Barato.

EKSKURSE

# *Antipode en Nov-Zelando Januare, 2008*

**Renata Chassard,F5RC**

Cele malproksimen flugi mi kontaktis membrojn de *Pasporta Servo* loĝantajn en tri urboj, de sudo norden: Christchurch, Wellington, Hamilton. Pri utilaj konsiloj kaj aranĝado tre efike rolis s-ino Gwenda Sutton, kies nomon mi estis rimarkinta ankaŭ kiel SWL en dudekjara listo de e-radioamatoroj.

Inter Singapuro kaj la alvenurbo Christchurch okazis tempo-ŝanĝo: horo, tago, monato, kaj eĉ jaro! Loĝonte 20km for, mi kontrolis la adreson de alia SWL, Frank Swift, IL-582, kiu bedaŭrinde mortis la 29an de decembro 2007. Mi deziris ĉeesti lian funebran cerimonion, la 4an de januaro, sed malhelpoj tion ne permesis al mi.

Post bela veturado, 340km buse kaj 110km prame de la suda al la norda insulo de Nov-Zelando mi atingis la ĉefurbon Wellington. Gastino de Gwenda, mi dormis en la radioamatora ĉambro de ŝia edzo Ralph, ZL2AOH, kiu ne estas

esperantisto. Kvankam li preferas telegrafion, li ebligis al mi vespere fari kelkajn kontaktojn ĉe la frekvenco de 14.288kHz (ina-rondo), al amatoroj en fora Svisio, Japanio, Havajo, Aŭstralio, kaj Nov-Zelando.

Tricent kilometrojn pli norde mi gastis en Hamilton. Ruth kaj ŝia edzo Garth, kiu estas radioamatoro. Ili helpis min renkonti Norma-n, ZL1ANP, IL-020, vidvinon de Jueno, ZL1LP, IL-019. Okaze de la 2a kaj 3a ILERA-konkursoj (1979-1980), mi faris QSO-on kun ili. En 1989, ili vizitis mian urbeton Aĝeno. Ŝi daŭre loĝas en Te Awamutu, kie ges-roj Cullen mem loĝis. Ili invitis ŝin kaj du el ŝiaj filinoj por agrabla familia renkontiĝo, ĉe tablo plena de bongustaj manĝaĵoj kaj freŝaj trinkaĵoj en la ĝardeno kaj vivoĉambro. Estis grandega surprizo kaj plezuro revidi unu la alian. Kaj kune fari en la sekva tago plian eterkontakton sur la 80 metra bendo.

Per sia veturilo Garth veturigis min ankoraŭ 130km pli norden ĝis Auckland, la plej granda urbo de Nov-Zelando. Tie okazis de la 14a ĝis la 23a de januaro la Unua Oceania Kongreso de Esperanto. Denove surprizoj: ĉeestis samideanoj Karl Gustaf, SM6SFM, Stano Marĉek (*nrd: redaktoro de la revuo* Esperanto), eks-membro de OK3KHE. Mi pli frue eksciis, ke la solenan malferman paroladon farus Ivan Pivac. Lin mi estis kontaktinta dum la konkurso en 1983. Tiam lia voksigno estis ZL1IA en Auckland.

NEKROLOGE

## *Frank Swift,ZL-SWL*
## **15.II.1930 +29.XII.2007*

Frank Swift (IL-582) naskiĝis en Londono, Britio. Li elmigris al Nov-Zelando kaj aliĝis al la armeo. Tie li renkontis Majoron Petersen, kaj eble lernis esperanton de li. En 1963, Leŭtenanto Frank Swift estis sekretario/kasisto de la Esperanto-Klubo en la Waiouru Armea kampadejo. Al Frank plaĉis rakonti pri siaj armea vivo. Li translokiĝis al Burnham Armea Kampadejo proksime de Christchurch ĉirkaŭ 1964, kaj starigis tie Esperanto-klubon. Li edziĝis, sed la geedzeco ne longe daŭris. Li eliris el la armeo ĉirkaŭ 1965 kaj fariĝis bakisto, sed baldaŭ forlasis tiun okupon kaj komencis labori por la urba konsilantaro de Christchurch. Tie li restis ĝis li emeritiĝis ĉ. 1995.



Frank Swift,ZL-SWL

Kiam li ekloĝis en Christchurch Frank aliĝis al la Christchurch-a Esperanto-Societo. Frank estis flua esperantisto kaj fidela membro de la loka klubo. Li rolis dum diversaj jaroj kiel komitatano, sekretario, kasisto kaj prezidanto. Li ankaŭ entuziasme partoprenis en kelkaj teatraĵoj. Frank estis respektinda membro de la Nov-Zelanda Esperanto-Asocio, kaj faris grandan financan kontribuon al NZEA per la *Frank Swift Fonduso* por la disvastigo de esperanto inter junuloj.  Frank estis dumviva membro kaj delegito de UEA, kaj partoprenis la UK en Adelajdo (1997) kaj Berlino (1999). Li ankaŭ bone parolis la germanan lingvon. Li ĉeestis ankaŭ kelkajn kongresojn kaj somerlernejojn en Aŭstralio. (*TNX Erin McGifford*)

*La bulteno registras la historion de ILERA.*
*Ĉu vi havas informon pri*
*la forpaso de membro?*
*Se jes, bonvolu kontakti la Sekretarion.*

# *Ewen Parsons,ZL1LP*
# **1925 +09.X.2003*

Ewen Parsons (IL-019) mortis en Te Awamutu en sia 78a jaraĝo. Li estis sekretario/kasisto de la Te Awamutu-Klubo, fondita en 1968, kaj li ankaŭ estris la librofakon de Nov-Zelanda Esperanto-Asocio, helpe de siaj edzino kaj filino. Ewen ankaŭ instruis esperanton en versperaj kursoj.

En 1973 li prelegis pri kolora televido ĉe la aŭklanda regiona kunveno en Hamilton, kaj en 1975 kun amiko Garth Cullen organizis budon pri esperanto ĉe foiro en Te Awamutu. Ewen partoprenis diversajn esperantajn aranĝojn en Nov-Zelando kaj ankaŭ la unuan Pacifikan Kongreson en Melburno, Aŭstralio, en la jaro 1976. Li estis tre aktiva kaj konata radioamatoro tra la mondo. Al li plaĉis la studado de lingvoj. Krom esperanto, li ankaŭ studis la francan, hispanan kaj la maorian, lingvon de la anoj de Polinezio vivantaj precipe en la norda parto de Nov-Zelando. En la jaro 1989 Ewen kaj edzino Norma vizitis Parizon dum tri monatoj. (*TNX Gwenda Sutton*)

AŬTORE

# *Vaganta en Labirinto*

Mircea Bădoiu, YO9AGI, IL-475, ĵus aperigis sian kolekton da poeziaĵoj libroforme pere de *Editura Bibliotheca* el Rumanio.




La originala titolo estas *Rătăcitor în labirint* (Forvago en labirinto). Antaŭ ol verki ĉi tiun libron la aŭtoro konstante kunlaboris per verkado en multaj rumanaj antologioj. Dum 15 jaroj li estris poezian kaj literaturan revuon *LUCIFERO* el Pucioasa kaj ankaŭ estis instruisto dum 40 jaroj. Nun, jam pensiiĝinta, finverkas la romanon *Transe Arkadio.*

Mircea debutis en 1959 per poemo omaĝe al la simbolisma verkisto G. Bacovia el Rumanio (Literatura revuo el Bukareŝto). En 1967 li aperigis la unuan revuon por lernantoj kun la titolo *Burĝonoj*. Post la liceaj studoj, li vizitadis la Universitaton de Bukareŝto, kaj el tie daŭrigis la verkadon de siaj poeziaĵoj, precipe aperintaj en antologioj inter 1966 (*Prag de istorie*) kaj 2007 (*30 de prozatori*).



Mircea Bădoiu, YO9AGI

En 1972 Mircea gajnis premion en la lirika festivalo *Heredio de la verkistoj Văcăcareşti*. Multe el tiuj versoj fariĝis kantoj por infanoj kaj ankaŭ por plenkreskuloj. Li ankaŭ estas kunlaboranto de la oficiala magazeno de la rumanaj radioamatoroj *Radiocomunicaţii şi Radioamatorism*.

(*TNX YO9AGI pro la materialo*)




Ĉu vi partoprenos?

Se jes, bv. atenti al la informoj sur la *Kongresa Libro* pri la jara kunveno de ILERA, kaj nepre partoprenu!

KULTURE

# *Kolokvo pri Esperantaj Bibliotekoj*

**Lenio Marobin,PY3DF kun materialo de DF7TZ**

Inter la 19a kaj la 20a de oktobro 2007 okazis ĉe la Aŭstria Nacia Biblioteko, Vieno, la *Kolokvo pri Esperantaj Bibliotekoj kaj Arkivoj*. La celo de la kolokvo estis "prezenti la ĉefajn problemojn, kiujn frontas diverstipaj planlingvaj bibliotekoj kaj arkivoj kaj kiuj estas solvendaj".

ILERA-ano Karl Heinz Schaeffer, DF7TZ (IL-469) akompanata de Diplomita Inĝ. Utho Maier ankaŭ partoprenis kaj prelegis al la ĉeestantaro. La titolo de lia prelego estis *La Germana Esperanto-Biblioteko Aalen: hieraŭ, hodiaŭ kaj kio morgaŭ?*



Karl Heinz Schaeffer, DF7TZ (*la dua de maldesktre*)

*© Foto de Wera Blanke kaj revuo* Esperanto

La prelego prezentis la vivon de la biblioteko tra diversaj epizodoj de la historio ekde la kolekto de Germana Esperanto-Instituto ĝis ĝia posta translokiĝo al Aalen. La nuntempa kolekto de la biblioteko konsistas el 40 mil bibliotekaj unuoj kaj pli ol 6 mil kompletaj gazet-kolektoj. Resumo de la prelego: http://esperanto-bibliothek.gmxhome.de/broshur/espbib_eo/vieno2007/resumo_konciza.pdf

REMEMORE

# *El nia fotoalbumo...*




92a UKE en Jokohamo, Japanio



Aŭskultantaro dum la ILERA Jarkunsido 2007



DJ4PG: *Mi kaptis fiŝon tiel grandan!* JA1FXZ: *Ĉu vere?*